TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

**Prezidanto** – Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio, ORF, Poŝtfako 700, A – 1041 WIEN, Aŭstrio.

**Vicprezidantoj**: Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR 226614, RIGA – 14, ul. Ostrovskogo 4 –4. USSR.

Tadros Megalli, D-8387 ROSENBACH, Untergrabandorf, FRG.

**Ĝenerala sekretario** – Donĉo Ĥitrov, 1000 SOFIA, ul. Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario.

**Sekretario-kasisto** por la okcidentaj landoj – D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, CITADELLA (Padova), Italio.

**Membro de la estraro** – Olaf Thormodsen Box 59, 595501 HAUGESUND, Norvegio.

Red. „INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro – Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario; tel. 56-58-77

**Redaktoroj**: Nikola Aleksiev, Donĉo Ĥitrov

**Korektis**: Rumjana Georgieva

**Teknika aranĝo**: Evgeni Georgiev

**Administranto**: Verka Ŝtajner

ENHAVO DE N-RO 4 – 1986



Sur la unua kovrilpaĝo: **Foto el kunsido de la 10-a Jubilea Kongreso de Internacia Organizo de Ĵurnalistoj, okazinta en Sofio inter la 20-a kaj 24-a de oktobro 1986.**



FELIĈAN NOVJARON! LA ESTRARO DE TEĴA KAJ LA REDAKTOROJ DE „INTERNACIA ĴURNALISTO" TUTKORE GRATULAS ĈIUJN MEMBROJN DE LA ASOCIO, LA ILEF-ANOJN KAJ BONDEZIRAS AL ILI FORTIKAN SANON, ĜOJON KAJ PROFESIAJN SUKCESOJN. ESTU PACA KAJ PROSPERA LA JUBILEA POR ESPERANTO 1987!

**Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj! Por pli riĉenhava kaj interesa «INTERNACIA ĴURNALISTO» aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas Viajn kontribuaĵojn. Antaŭdankon!**



## LA PACJARO FORPASIS – LA PACBATALO DAŬRAS!

Ja, per la amasinformiloj la tuta mondo ekscias pri la okazintaj eventoj kaj ties rezultoj: Kaj kiam temas pri la prioritata problemo de epoko - la evito de nuklea katastrofo, la ĵurnalistoj despli aktiviĝas.

La honestaj kaj demokrataj ĵurnalistoj tra la mondo (inkluzive Usonon okupas klaran pozicion: subteno al la historie signifaj, ege aktualaj kaj profunde pripensitaj pacproponoj de Sovetunio. Tion manifestis ankaŭ la X kongreso de Internacia Organizaĵo de Ĵurnalistoj (IOĴ) okazinta en Sofio en lasta oktobro. IOĴ ja estas la plej amasa kaj progresema ĵurnalista unuiĝo en la mondo (vidu la tiuteman artikolon en la nuna n-ro de „IĴ").

La Internacia Jaro de Paco sendube pasis tre sukcese. Plej diversaj kaj prestiĝaj nomoj de interŝtataj organizaĵoj, de apartaj politikistoj, sciencistoj, sociaj agantoj, elstaraj ĵurnalistoj, publicistoj, komentistoj en la radio kaj televido esprimis sian ĝojon pri la grandiozaj pacproponoj de Sovetio kaj insistas pri egalsenca sinteno de la alia superpotenco – Usono.

Sendube, ne nur por la monda ĵurnalistaro, sed ankaŭ por ĉiuj popoloj, ĉekape kun la usona kaj sovetia, estis la evento en Rajkjavik: la pintrenkontiĝo de Reagan kaj Gorbaĉov.

Per kio estas rimarkinda ĉi renkontiĝo?

Unue: per la atingita konsento likvidi poetape ĝis 1996 ĉiujn usonajn kaj sovetiajn strategiajn nuklearmilojn. Historia konsento, kiu pruvis la realecon de la tiutemaj proponoj de Sovetunio de la 15. I.1986.

Due: per la artifiko de usona diplomatio atingi unuflankan militan superecon antaŭ Sovetunio ne konsentante rezigni pri produktado de mortigaj armiloj por „stelaj militoj".

Tiu egoisma pozicio de Usono nuligis la unusolan eblecon por reale neniigi la grandegajn stokojn da strategiaj nukleaj armiloj kaj malfermi al la homaro serenan vojon al paca XXI jarcento.

Sed tiamanere Usono nudigis sian pozicion antaŭ la tuta mondo. Ne nur la usonaj elektantoj voĉdonis en sia plimulto en la novembraj eventoj kantraŭ la „stelaj militoj", sed la tuta monda publika opinio jam pli bone konscias kien direkti siajn postulojn: Usono ne rezignu pri la konsento en Rejkjaviko, sed faru ankaŭ la duan paŝon: resti nur en laboratoriaj limoj ĉe siaj eksperimentoj rilate kosmajn armilojn; nenia produktado kaj instalado en la kosmon de novtipaj amasmortigiloj!

Jen la unuaranga tasko ankaŭ por TEĴAanoj:

– ĵuste kaj objektive informadi, kiu kulpas pro la fiasko de Rejkjavika pintrenkontiĝo.

– helpi al la mobilizo de novaj tavoloj de la loĝantaro en Usono kaj en la tuta mondo por sekva, ĉi-foje nepre plensukcesa, pintrenkontiĝo jam en Usono.

La ĵurnalistoj el ĉiuj landoj kun granda intereso sekvis la evoluon de la pacaranĝoj dum la Internacia Jaro de Paco (1986).

Tio estas tute komprenebla.

Necesega estas pli grandioza premo fare de la mondaj popoloj por venigi Vaŝingtonon al simila decida paŝo en la intereso de l' tuta Homaro.

**N.ALEKSIEV**

## INTERKOMPRENIĜO, PACO, EVOLUO

**Inaugúra Parolado, 71-a Universala Kongreso de Esperanto, Pekino**

Per rezolucio de la 24-a de oktobro 1985, la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj solene deklaris la jaron 1986 la Internacia Jaro de la Paco. Ĝi krome atentigis, ke la popoloj devas „vivi kune en paco kaj praktiki toleremon". Estas konate, ĝi aldonis, ke edukado, informado, scienco kaj kulturo povas kontribui al tiu celo".

Unu monaton pli poste, la Ĝenerala konferenco de Unesko akceptis rezolucion, kiu rekonis la jubileon de la Internacia Lingvo Esperanto en 1987. Ĝi petis la Ĝeneralan Direktoron de Unesko sekvi la laboron por Esperanto, ĝi alvokis al utiligo de Esperanto flanke de internaciaj organizaĵoj, kaj ĝi rekomendis, ke tutmonde oni enkonduku en la lernejojn studadon pri lingvaj problemoj kaj pri Esperanto.

Sekvante la rekomendojn de Unuiĝintaj Nacioj, kaj konsciante pri la decido de Unesko, Universala Esperanto-Asocio elektis kiel ĉi-jaran temon de sia kongreso la temon „Interkompreniĝo, Paco, Evoluo".

Tiu temo tre klare implicas, ke paco estas pli ol manko de milito. Por konstrui la pacon, necesas pozitiva agado – agado, en kiu oni celu krei toleremon inter la homoj, subteni kunlaboron, kaj konstrui la instrumentojn kaj instituciojn de la paco.

La kreinto de Esperanto komprenis tion. Zamenhof skribis, en nia konata himno, pri „nova sento". Ni ofte kantas tiujn vortojn, sed ĉu ni vere komprenas la signifon de tiu nova sento? Zamenhof kreis per Esperanto miraklan internacian lingvon, kiu brile funkcias – kies ni klare vidas ĉi tie, kie ĉino kompreniĝas kun germano, brazilano kun japano, kanadano kun iranano. Temas pri kompreniĝo, kiu jam preskaŭ cent jarojn mirigas la utiligantojn de nia facila, fleksebla, esprimiva lingvo.

Sed per la vortoj „nova sento" Zamenhof celis lingvon ne nur de la lango, sed ankaŭ de la koro, ne nur de la korpo, sed ankaŭ de la animo. La arkitektoj de la tutmonda paco, ĉu esperantistaj ĉu neesperantistaj, insistas, ke necesas ŝanĝi la pensmanieron de la homoj por krei veran pacon. Tion ni, parolantoj de Esperanto, komprenas. Ni jam praktikas tiun „novan senton" – sento, kiu kapablas forigi la miljarajn murojn inter la popoloj.

Pro tio, en nia kongresa temo, ni aldonis al „paco" ankaŭ la vorton „interkompreniĝo". Fakte, ni metis interkompreniĝon en unuan lokon, ĉar ĝi estas antaŭkondiĉo de la vera paco.

Ni kongresas ĉi-jare en la plej granda lando de la mondo: unu kvarono de la monda enloĝantaro estas ĉina. Ĉinio baraktas kun grandaj problemoj: problemoj de kreskanta nombro de enloĝantaro, problemoj de tekniko, problemoj de organizado. Kaj iom post iom ĝi venkas tiujn problemojn. Ĝi estas vere evoluanta lando. La kongresanoj de la 71-a Universala Kongreso spertas deproksime la problemojn kaj la paradoksojn, la esperojn kaj eltrovojn, de tiu ĉi lando en stato de evoluo.

La tria elemento en nia kongresa temo estas ĝuste „evoluo". Per nia temo ni sugestas, ke same kiel paco dependas de interkompreniĝo, tiel ankaŭ evoluo dependas de ambaŭ tiuj elementoj. La ĉina estas antikva civilizo: ĝiaj kulturaj radikoj penetras profunden la ĉinan teron kaj ĝiaj kulturaj atingoj mirigas la tutan mondon multajn jarcentojn. Necesas samtempe konservi tiun kulturan tradicion kaj modernigi ĝin. Tio estos ebla nur en pacaj cirkonstancoj, nur en spirito de interkompreniĝo.

Kio validas por Ĉinio validas ankau por la tuta mondo: nur en paco, nur en spirito de kompreno, ni povos forigi la militon. Milito estas hodiaŭa realo en multaj landoj. Nur en reciproka respekto ni povos forigi la problemon de rifuĝintoj, nutri la malsatantojn, klerigi la neklerajn, kuraci tiujn kiuj malsanas. Nur en interkompreniĝo ni povos krei mondon, en kiu regas nova sento, nova spirito de kunlaboro, tolero kaj egala disdivido de la riĉaĵoj de nia mirakla planedo.

La Internacia Lingvo Esperanto, karaj gekolegoj, donas eblecon atingi tiun tutmondan interkompreniĝon, pri kiu aludas nia kongresa temo. Ĝi estas fundamenta elemento en la paco. Ĝi estas utila ilo en la homa kaj ekonomia evoluo, ĉar ĝi kreas reciprokan respekton inter la popoloj kaj kulturoj kaj ĝi ebligas senperan komunikadon en spirito de egaleco inter la homoj. En Esperanto, neniu kulturo subpremas alian kulturon, neniu homo superas alian: ni laboras sur neŭtrala lingva fundamento, komprenante unu la alian.

Interkompreniĝo, paco, evoluo! Je la sojlo de la Jubileo de Esperanto, ni salutas la evoluantan novan Ĉinion, ni salutas la arkitektojn de la paco tra la tuta terglobo, kaj ni salutas la parolantojn de la Internacia Lingvo Esperanto, kiuj faras sian kontribuon al kreo de paca mondo, al kreo de nova sento inter la popoloj.

**Humphrey TONKIN**
**27 julio 1986**

## LA 71-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

De la 26a de julio ĝis la 2a de aŭgusto 1986 en Pekino – la ĉefurbo de la Ĉina Popola Respubliko okazis la 71a Universala kongreso de Esperanto.

Sendepende de objektivaj malfacilaĵoj la kongreso estis paŝo antaŭen en la evoluo kaj disvastigo la Esperanto-movado en la tuta mondo.

Speciale por Ĉinio ĝi havas eksterordinaran signifon.

La Pekina Kongreso de UEA estas la plej granda ekster Eŭropo kaj en ĝia laboro partoprenis 2482 gekongresanoj el 53 landoj.

Konstanta loko de la kongreso estis la Domo de la Scienca-Teknika Asocio ĉe la Ĉina Akademio de Sciencoj en Pekino, sed multaj el la aliaj kongresaj aranĝoj kiel inaŭguraj kunvenoj, naciaj kaj Internaicaj vesperoj ktp. okazis en la Ĉina Teatro.

La intereso al la Pekina UEA-Kongreso estis granda, ĉar Ĉinio kaj ĉina esperantistaro estis ankoraŭ nekonata por granda parto de la gekongresanoj. Krom ĉi tio Ĉinio estas lando kun tradicioj, moroj, kutimoj kaj kulturo pli diversaj ol en aliaj landoj kaj popoloj. La ĉinaj esperantistoj apenaŭ nun komencas aktivadi en la tutmonda Esperanto-movado.

La inaŭgura kunveno – la oficiala malfermo de la kongreso okazis en la Ĉina Teatro, kiu estas granda kaj moderna teatra konstruaĵo kun sufiĉe granda kapacito kaj bonegaj kondiĉoj por aranĝo de tiel granda kongreso. La inaŭguro komenciĝis per la E-himno „La Espero" ĥore kantita de la bulgaraj kaj ĉinaj esperantistoj en naciaj kostumoj.

La inaŭguron prezidis s-ro Gregoire Maertens-prezidanto de UEA. La kongreson salutis s-ro Huang Hua – vicprezidanto de la konstanta komitato de la Tutlanda Popola Kongreso en Ĉinio, en la nomo de la

la prezidanto de la Honora Komitato de la Kongreso – Peng Zhen, kaj de la vicurbestro de Pekino – Ĉen Haosi. D-ro Humphrey Tonkin, la novelektita prezidanto de UEA, faris gravan prelegon pri la kongresa temo „Interkompreniĝo, paco, evoluo".

Verŝajne la plej bona resuma prezento de la temo estis tiu de prof. Tonkin dum la inaŭguro. Se oni kredis, ke la temo ludis rolon dum la tuta kongreso, oni eraris. Bedaŭrinde nur unu tago, la „Tago de la Paco", estis dediĉita al pli profundaj diskutoj. Dum la ĝeneralaj konferencoj kaj dum la publika kunsido de Mondpaca Esperantista Movado estis la ebleco trakti la gravan temon. Multaj el la diskutintoj esprimis la neceson serĉi komunan bazon por malstreĉiĝo kaj malarmado. Espereble la temo de la paco ne nur estos traktata dum UK-oj okaze de la Internacia Jaro de Paco. Ja la temo urĝiĝas pli kaj pli, tute sendepende de internaciaj UN-jaroj. Menciindas, ke dum la publika MEM-kunveno la partoprenintoj telegrame aldonis siajn subskribojn al la internacia kampanjo por malpermeso de ĉiuj nukleaj armiloj. La kampanjon iniciatis la Komitato Hiroŝimo-Nagasaki.

La Kongreson partoprenis pli ol 300 ĉinoj kaj 350 japanoj. Do tre senteblis la „azia komponento" de la kongreso, feliĉe en multaj aranĝoj.

La Internacia Kongresa Universitato okazigis sian 39an sesion sub la rektoreco de prof. Ye Junijan, eminenta verkisto kaj profesoro. Oni povis aŭskulti prelegojn de:

– prof. d-ro Chen Yuan (Ĉinio)
– prof. d-ro Sinitirô Kawamura (Japanio);
– prof. d-ro Io Chou (Ĉinio);
– prof. d-ro Jannes Markus Mabesoone (Brazilo);
– d-ro E.James Liebermann (Usono);
– prof. d-ro Božidar Popoviĉ (Jugoslavio);
– d-ro Leszek Kordylewski (Pollando);
– d-rino Daniela Deneva (Bulgario);
– Li Shijun (Ĉinio);
– d-ro Victor Sadler (Nederlando);

Krome okazis la jam tradicia esperantologia konferenco, la 9a sesio. La prelegintoj aliris la kadran temon„Internacieco de Esperanto el neeŭropa vidpunkto". La konferencon gvidis d-ro D. Blanke.

La Komitato de UEA elektis ĉi-jare sian novan Estraron: por prezidanto, el d-roj Werner Bormann (FRG) kaj Humphrey Tonkin (Usono), klare elektiĝis la dua kaj ricevis la konfidon de la grandega plimulto de la Komitato. Al la nova Estraro krome apartenas: Yosimi Umeda, vicprezidanto (Japanio); Gregoire Maertens (Nederlando, la antaŭa prezidinto); d-rino Flora Szabó-Felsö (Hungario), ĝenerala sekretario; d-rino Barbara Despiney (Francio); Diccon Mastermann (Britio); d-ro Victor Sadler (Nederlando); prof. d-ro Otto Haszpra (Hungario); Jean-Louis Texier (Francio).

Kompreneble la gastiganta lando diversmaniere montris sian specifan kontribuon. Ne nur per prelegoj dum la Internacia Kongresa Universitato. En la libroservo dominis la belegaj ĉinaj eldonaĵoj. En la Ĉina Teatrejo oni povis ĝui la „nacian vesperon" kun dancoj, kantoj, akrobataĵoj kaj parto de la fama pekina opero. Al japanino, kiu batalis por la liberigo de Ĉinio (Verda Majo, t.e. Hasegaŭa Teru) Spomenka Ŝtimec el Jugoslavio dediĉis sian monodramon, prezentitan de Vida Jerman. Bela bunta historia panoramo estis „La silka vojo". Granda surprizo por multaj estas la koncerto de la bonega kanadanino Joölle Rabu, vere profesia kanzonistino, espereble ankoraŭ ofte aŭdota.

En la kongresagado la ekskursoj okupis certan lokon. Oficialaj duontagaj ekskursoj oni aranĝis ĉiutage, sed multaj kongresanoj aranĝis memstarajn ekskursojn. La kongresanoj vizitis la plej rimarkindajn lokojn en Pekino: muzeoj en Pekino, la Imperiestra Palaco, Tjan'anmen-placo, Budismaj temploj, Ĉiela Altaro, Tjan Ten-parko, Somera palaco ktp.

Sendube la tuttaga ekskurso al la Granda Ĉina Muro estis la plej interesa objekto, kiu estis organizita de la LKK por ĉiuj gekongresanoj.

La Muro situas nordokcidente de Pekino je ĉirkaŭ 70 km. En la ekskursa tago pli ol 60 aŭtobusoj en kolono forveturis al la Muro. La vojo daŭras ĉirkaŭ du horojn ĝis tiu belega kaj pitoreska loko, kie la montoj malaltiĝas kaj kie la turista organizaĵo en Ĉinio konstruis veran turisman ensemblon. Laŭ ŝtuparoj la vizitantoj supreniris al la plej alta parto, de kie povis vidi pitoreskajn pejzaĝojn kaj neforgeseblan panoramon.

La ĉinoj diras, ke la homoj kiuj supreniras la muron estas „herooj", kaj ni ĉiuj gekongresanoj jam estis herooj.

Revenante el la Granda Muro la kongresanoj vizitis la rimarkindan lokon por ĉiuj turistoj Ming-tombejo, kie krom la subtera tombejo de la ĉina imperiestroj de la dinastio Ming, tiu loko estis vera turisma urbeto kun restoracio, butikoj por vendado de memoraĵoj, amuzaĵoj ktp.

Post la ekskurson ne okazis alia granda kongresaranĝo. La . . . kongreso iris al sia fino.

La ĉinaj esperantistoj laboregis kaj sukcesis: la 71a UK-o fariĝis granda sukceso.

Al Ĉina Esperanto-Ligo kaj ĉiuj kunsubtenintoj tre grandan dankon pro tiu ne tute facile organizebla kongreso en la plej multhoma lando de la mondo.

**Draguŝko PETROV**

---

## TUTMONDA ESPERANTISTA BIBLIOTEKA ASOCIO

Tutmonda Esperantista Biblioteka Asocio baldaŭ komencos la trian jaron de sia ekzisto. Ĝia laboro estas plurflanka: la Asocio kunligas kaj servas tiujn esperantistojn, kiuj profesie laboras en ĉiaspeca biblioteko; same ĝi kunligas kaj servas la posedantojn kaj prizorgantojn de Esperanto-biblioteko aŭ Esperanto-kolekto nacia, internacia, privata, aŭ tute persona. Trie, ĝi laboras por la diskonigo de Esperanto inter la ne-esperantista bibliotekistaro.

Ni proponas plurajn servojn: inter ili estas

*Terminologia servo:* Nia nordamerika sekretario Doug Portmann kompilas Esperantan terminaron bibliotekan, kaj volonte kontaktas kun ĉiu ajn persono tiurilate.

*Konsila servo:* Esperantisto, ne profesia bibliotekisto, kiu trovas sin antaŭ la devo prozorgi Esperanto-bibliotekon, eĉ malgrandan, foje hezitas pri la ĝustaj labormetodoj. Niaj du sekretarioj estas profesiaj bibliotekistoj kaj volonte donas konsilojn.

*Libra servo.* Kiu serĉas librojn malfacile akireblajn,kiu volas vendi, donaci aŭ interŝanĝi librojn nebezonatajn, tiu kontaktu nin, kaj la dezirojn ni diskonigos en nia Bulteno, aŭ alimaniere prizorgos.

*Revuo:* T.E.B.A. ĵus aperigis la unuan numeron de sia Biblioteka Bulteno, kiu fine aperos kvaronjare. En ĝi aperas artikoloj interesaj por ĉiu libroamanto, aktualaj informoj bibliotekaj, rubriko terminologia, kaj foje recenzoj.

*T.E.B.A.* urĝe bezonas pliajn membrojn por efektivigi ĉiujn servojn. La jara kotizo estas DM 22,00 aŭ egalvaloro, ĉe unu aŭ alia el la sekretarioj. Ankaŭ ĝenerala informilo estas senpage havebla.

**Georffrey King**
**ĝenerala sekretario de TEBA**
**(Esperanto-Centro, 140 Holland Park Avenue, London W11 4VF, Britujo)**

# LA 10a JUBILEA KONGRESO DE IOĴ

La granda respondeco de ĉiuj amaskomunikiloj kaj de la ĵurnalistoj por certigo de paca estonto kaj por progresema evoluigo de la homaro estis en la fakuso de la 10-a Jubilea Kongreso de Internacia Organizo de Ĵurnalistoj (IOJ). La Kongreso, kiu okazis en Sofio de la 20-a ĝis la 24-a de oktobro k.j., havis du tre gravajn motivojn por tio – ties kunvoko koincidas kun la proklamita de UN Internacia Jaro de Paco kaj 40-jariĝo de IOĴ.

Pli ol 240 000 profesiaj ĵurnalistoj el 121 landoj el ĉiuj mondanguloj sendis al la bulgara ĉefurbo 400 delegitojn, observantojn kaj gastojn. La Kongreson partoprenis ankaŭ senditoj de 23 tutmondaj kaj internaciaj organizaĵoj – UN, UNESKO, Internacia Organizaĵo de Laboro, Internacia Komitato pri Eŭropa Sekureco kaj Kunlaboro, Internacia Federacio de Ĵurnalistoj (Bruselo), Monda Packonsilio, Internacia Federacio de Demokrataj Virinoj k.a.

La laborprogramo pasis en kvar plenkunsidoj kaj naŭ diskutadoj en tri sekcioj. „Partopreno de la amaskomunikiloj en la pacbatalo", „Pri nova internacia informadordo" kaj „Aktualaj profesiaj demandoj".

Vaste estis pridiskutita ankaŭ la rolo de IOĴ por pli kompleta unuigo de la ĵurnalistoj en la mondo cele al ties profesia perfektiĝo, fortikiĝo de paco, sekureco kaj kunlaboro, sendepende de iliaj politikaj, filozofiaj kaj religiaj konvinkoj. IOĴ devas disvastigi sian krean influon en ĉiuj mondpartoj, serĉi subtenantojn de la ideoj de paco kaj kunlaboro ankaŭ en landoj, kies ĵurnalistaj asocioj ne membras en ĝi.

Specialan atenton oni turnis al la ideo „pri estigo de „nova internacia informadordo". Ĝi koncernas la veron, karakteron kaj celdirektitecon de la monda informado, la efektivigon de komunikiĝo per kosmaj sputnikoj kaj nature – ĝeneralan reziston al la ekzistanta nun superregado fare de trustoj de gazetaro kaj televid-kompanioj de iuj disvolvitaj kapitalismaj landoj en aliaj nesocialismaj evolulandoj. Estis pritraktata ankaŭ la batalo kontraŭ la misuzoj de teknikaj atingaĵoj en la amaskomunikiloj, per kiuj iufoje oni rompas la suverenecon de iuj landoj, samkiel ankaŭ la efiko de la novaj teknikaĵoj sur la socialan staton kaj laboron de la ĵurnalistoj.

La Kongreso priparolis kaj akceptis tri gravajn dokumentojn, kiuj laŭ spirito kaj enhavo ĝeneraligas la pensojn, konstataĵojn kaj rekomendojn, faritajn dum la plenkunsidoj kaj diskutadoj en sekcioj.

La unua el la menciitaj dokumentoj estas alvoko al la ĵurnalistoj el tutmondo por konservo de paco. Ĝi enhavas la taskojn de la demokrata ĵurnalistaro en la batalo kontraŭ la milito, por paco kaj kunlaboro.

Alia dokumento listigis la direktojn de la estonta agado de IOĴ. Oni atribuas ĉiuflankan subtenon al la pacbatalo kaj strebon al la klopodoj por senĉesa riĉiĝo, plivastiĝo kaj moderniĝo de ĵurnalista profesio konforme al la scienco kaj teknika progreso.

Fortiĝon de la solidareco de IOĴ kun la persekutataj, torturataj kaj malliberigataj ĵurnalistoj fare de diktatoraj reĝimoj en apartaj landoj traktas la tria dokumento. Indignon provokas reprezalioj kontraŭ ĵurnalistoj, kiuj per la plumo, mikrofono aŭ kamerao defendas la ideojn de libero, sendependeco kaj egalrajteco.

Okazis elekto de gvidorganoj de IOĴ. Kaarle Nordenstreng estis reelektita prezidanto.

La 10a Jubilea Kongreso de IOĴ pasis je alta politika kaj profesia nivelo kaj ĉe riĉa diverseco de temoj. En plenkunsidoj kaj laborsekcioj reprezentantoj de amaskomunikiloj el tutmondo vigle pridiskutis la plej aktualajn problemojn de sia nuntempo, de sia profesio. La Kongreso esprimis la volon de la monda demokrata ĵurnalistaro pri batalo kontraŭ la milito, pri paco kaj kunlaboro inter la popoloj.

**Evgeni GEORGIEV**

---

## ANKORAŬFOJE PRI LA E-KULTURO KAJ ĴURNALISMO

Mi varme aprobas aperigon de la rubriko „Tra la amaskomunikiloj", kvankam mi nomus ĝin „Tra E-amaskomunikiloj". En „IĴ" tio estas revuo kaj kritika respegulo vastskala de laboro, atingoj kaj misoj de supera eskalono en E-ĵurnalismo en la nuna mondo. Fakte tio estas supera tribuno por E-ĵurnalisma majstreco kaj talento. Kaj se tiu rubriko fariĝos operativa kaj vivrespegula per atentema okulo, ĝi havos grandan sukceson kaj intereson por ĉiuj, kiuj nun staras ĉe la stirilo de E-gazetaro. En formo de mallongaj skizoj ĝi donas respondon al multaj demandoj, kiuj dume forestas. Interesaj publikaĵoj, sperto, kiun utilas profiti, misoj kaj eraroj, eble parodioj kaj humuraĵoj tiukoncernaj estas vasta kampo por ĵurnalista aktivado.

Sed same gravas enkonduko de rubriko „Tra klubaj E-gazetoj": ĉar ĝuste tiuj malgrandaj, etformataj „periodaĵoj" pleje bezonas helpon kaj asiston fare de pli spertaj kolegoj. Per tio estas stimulata kaj akcelata multdiĝo de novaj ĵurnalistaj kontingentoj. Kaj eniro en elementon de ĵurnalismo per la vojo de „amaskomunikiloj", t.e. kluboj presataj kaj multobligataj gazetoj, kiu povas esti kaj analo, kaj almanako, kaj antologio - estas natura, facila, laŭdata kaj simple atingebla.

La rubriko „Tra la klubaj E-gazetoj" povas fariĝi panoramo de vasta unuaŝtupa E-ĵurnalista aktivado al kiu estas celkonforme altiri komencantajn E-ĵurnalistojn kaj „antaŭkomencantojn" – t.e. studentojn de ĵurnalismaj fakultatoj, kien trafos la Internacia lingvo.

Mencio (eble unuafoje) de komencanta E-ĵurnalisto nepre efikas kiel kuraĝiga salut-aprobo al novico kaj lia kontribuaĵo. Kaj lia verketo povas fariĝi valora kontribuaĵo al ĝenerala E-ĵurnalisma trezorejo.

Kaj en tiu sfero de primara fundamenta ŝtono estas libro, mi eĉ skribus la Libro. Tial estus ankaŭ tre grave periode elmontri la plej bone laborantajn E-klubojn, bibliotekojn. Ja la laboro de ĵurnalisto estas tre intima ligita kun la libro Certe la unuaranga objekto de la ĵurnalisto estas vivaj homoj, gravaj okazantaj eventoj, sed ankaŭ libroj, kiuj entenas trezorojn de informo.

Tial mi plezure legus mallongajn komunikojn pri libroj, eltrovitajn kaj ricevitajn fare de E-ĵurnalistoj en Esperantaj bibliotekoj.

Fenomeno ĵurnalismo devas havi sian ferbetonan strukturon, t.e. biblioteko, klubo, gazeto, ĝenerala gazetaro, kiuj simile al ringoj tenas kune la tutan barelon.

**N.DANOVSKIJ**

**Antaŭ la centjariĝo ekestas duboj...**

## „ESPERANTO" aŭ „INTERNACIA LINGVO"(ILo)" – KIEL NOMI LA LINGVON?

*Enkonduke: Lingvo kun diversaj nomoj*

Ekde kelkaj jaroj oni rimarkas la klopodon en certaj sciencistaj rondoj imitadon de kelkaj esperantistoj – doni al la lingvo de Zamenhof novan nomon: Internacia Lingvo (aŭ mallongige ILo). Jam ekzistas iom da literaturo pri la problemo. Antaŭ la centjariĝo de Esperanto oni do trovos la paradoksan situacion, ke ne la esperantistoj, sed iuj konantoj kaj uzantoj de la lingvo de Zamenhof mem komencas alinomi la lingvon jam provizitan per tradicia nomo. La afero estas pli grava ol povus ŝajni kaj tuŝas i.a. lingvistikajn, moralajn kaj scienctaktikajn aspektojn. La interlingvistiko (kiel ajn oni ĝin difinu) kaj la esperantologio ne povas ne havi starpunkton pri tio. Tio same koncernas la gvidantojn de la parolantaro de Esperanto (aŭ „Esperanto-komunumo", Esperanto-movado).

*Kiu uzas la nomon „Internacia Lingvo"?*

Dum pli ol dek jaroj profesoro Helmar FRANK el Paderborn (FRG) konatiĝis per aro da interesaj artikoloj, kolokvoj kaj studoj i.a. pri la propedeŭtika valoro de Esperanto por la instruado de aliaj fremdlingvoj, pri instrumaŝinoj, planlingva dokumentada sistemo, lingvopolitiko, kibernetikaj aspektoj de interlingvistiko k.a. Sendube lia agado donis fortajn impulsojn al la apliko de Esperanto en la scienco. Li havas certan sukceson interesigi sciencistojn por Esperanto. Ankaŭ sur organiza kampo li tre multe laboras, fondinte diversajn internaciajn asociojn aŭ societojn.

Ĉi tiu eseo ne havas la celon prijuĝi la agadon de profesoro FRANK. Pri diversaj sciencorbanĉoj de li reprezentataj mi ne estas kompetenta. Temas pri FRANK pro tio, ĉar ĝuste li enkondukis novan nomon por Esperanto: „Internacia Lingvo", kun mallongigo „ILo" kaj trovis imitantojn en Paderborn kaj aliloke.

Plue, sufiĉe grava estas la fakto, ke FRANK helpate de kelkaj aliaj sciencistoj sukcesis iniciati kaj proponi la fondon de la „Akademio Internacia de Sciencoj (AIS)" en San Marino. Tiu AIS oficiale fondiĝis fine de 1985.

La oficialaj lingvoj de AIS estas la itala lingvo, la Internacia Lingvo kaj la oficialaj lingvoj de UNESKO.

*El la argumentoj de prof. Frank*

Prof. FRANK argumentas jene:

„Ekstere de la uzantaro de la Internacia Lingvo ĝia pli malfrue enkondukita nomo „Esperanto" vekas sintenon de kontraŭstaro, kiu ĝuste pro la fakto, ke ĝi ne estas racie pravigebla, evitas diskuteblon kaj pro tio nur estas venkebla en maloftaj esceptaj kazoj. Almenaŭ en la rilatado kun laikoj oni rezignu je la pli nova nomo „Esperanto" (la kutima mallongigo: „E-o") kaj ekskluzive uzu la pli malnovan sinoniman nomon „Internacia Lingvo" (la rekomendita kaj en la kibernetika-pedagogia verkaro jam kutima mallongigo „ILo"); alikaze oni serĉu pli bonan nomon".

*Komento pri la argumentoj de Frank kaj kelkaj efikoj*

En letero prof. FRANK skribis al mi, lige al la diskutita temo: „La argumentoj de ambaŭ flankoj (do por aŭ kontraŭ „Internacia Lingvo" – ŝajne elĉerpiĝis sen esti konvinkintaj la koncernan kontraŭan flankon. Post 30 jaroj oni vidos, kiu sukcesis".

Nu – mi tute ne samopinias kun prof. FRANK. Ŝajnas, almenaŭ la argumentoj flanke de la kontraŭuloj de la maskigo ne elĉerpiĝis. Pro tio mi permesas al mi iom da komentoj pri la argumentoj de FRANK kaj pri la jam konstatitaj negativaj efikoj.

Tamen FRANK timas la kontraŭstaron de multaj sciencistoj, kiuj, aŭdinte la vorton Esperanto, tuj havas racie neklarigeblan kontraŭstaron kaj sekve ne pretas kunlabori. Sed FRANK pravas nur *parte*.

Kiel oni povas facile pruvi, tiu kontraŭstaro malkreskas proporcie al serioza agado de la esperantistoj mem. Verŝajne la aserto de FRANK estas principe grava por iuj okcidentaj landoj, kie Esperanto ludas tre malgravan kaj forte sektecan rolon. Sed jam en kelkaj socialismaj landoj, inter ili en GDR, la situacio estas principe alia. Tie oni tute ne devas honti nomante la lingvon per la tradicia nomo, ĉar la agado de la esperantistoj estas ĝenerale pozitive akceptata. Kompreneble, per tio ni ne volas diri, ke ne ekzistas sufiĉe da kontraŭuloj en la menciitaj landoj, sed ilia nombro malkreskas.

Tute malprava estas la aserto de FRANK, ke la nomo de Esperanto asocias nepre al la „interna ideo". Mi jam montris la absurdecon de ĉi tiu aserto per la aliaj supremenciitaj argumentoj kaj sufiĉe kritike skribis pri la „interna ideo". Do mi ne estas ĝia adepto. Ankaŭ multaj sciencistoj interesitoj pri Esperanto en GDR, kiuj ne scias pri la ekzisto de la „interna ideo", ne vidas kaŭzon eviti la nomon. Aserti, ke la movadon kvazaŭ kuntenus la „interna ideo", estas pruvo por tio, ke oni ne konas la tre multflankan tute ne unuecan motivaron, kiu ligas la homojn al Esperanto. Pri tio verkis tre bonan analizon CORSETTI kaj LA TORRE en 1982.

Tamen, oni devas tute klare diri: *sen* la tradicia Esperanto-komunumo FRANK aŭ aliaj sciencistoj utiligantaj Esperanton povus nenion fari. La interlingvistoj, esperantologoj, la sciencpolitikistoj (ankaŭ tiuj en AIS) venas ĝuste el tiu tute ne kohera „Esperanto-movado". Estus granda eraro kredi, ke en la nuntempaj kondiĉoj vere scienca agado pere aŭ por Esperanto estas farebla, se oni ignorus ĝuste tiun bazon, sen kiu Esperanto ne ekzistus. La institucioj de tiu tute ne nepre internidea movado ofte portas la nomon Esperanto, ekz. Akademio de Esperanto. Universala Esperanto-Asocio kaj la scienca disciplino pri la lingvistiko de Esperanto ne nomiĝas „internacia lingvologio", sed „esperantologio".

Klara pruvo estas la sinteno de UNESKO. Malgraŭ la sendube fortaj kontraŭstaroj kaj antaŭjuĝoj kontraŭ Esperanto la premo de la faktoj (ekz. la tutmonde akriĝanta lingvoproblemo) devigas al pli serioza rilatado al la ofte primokita Esperanto-movado. Cetere, UNESKO estas speciala organizo de UN ankaŭ por *scienco*. UEA fariĝis por UNESKO iuspeca faka organizaĵo aŭ almenaŭ aŭskultata partnero pri la lingva aspekto de la monda komunika problemo. Manipulado pri la nomo ne necesis. Kial FRANK tion bezonas?

*Finvorto*

Evidente la aserto de prof. FRANK, ke la argumentoj kontraŭ lia propono elĉerpiĝis, ne estas pravigebla. La historio de interlingvistiko kaj de la Esperanto-movado donas sufiĉe da motivoj por postuli seriozan traktadon ne nur de la planlingva fenomeno ĝenerale kaj de Esperanto aparte, sed ankaŭ de la terminologia aspekto de tiuj problemoj. Ekzistas tro da kazoj de sektecaĵoj, ĉarlatanismo kaj naivaĵoj. Se al tio proksimiĝus la valora agado de profesoro FRANK, tio estus granda evitinda perdo.

**(mallongigita)**

**Detlev BLANKE**

**El „Der Esperantist" 5/1986**

# TRA LA AMASKOMUNIKILOJ

En la redakcio estas ricevitaj leteroj, per kiuj oni esprimas aprobajn opiniojn al „IĴ" pri la supra rubriko de nia organo – „Tra la amaskomunikiloj". Ĝi kaj la aperigataj sub ĝi materialoj tre plaĉas la ili. Pro tio la redakcio ankaŭ estonte plu utiligos la rubrikon. Per ĝi ni faras revuon kaj pritakson de iuj materialoj en amaskomunikiloj esperantistaj.

**La Inaùgura Parolado de Humphrey Tonkin** (71-a UK de Esperanto en Pekino) estis aúdita de miloj da ĉeestantoj kaj publikigita en preskaŭ ĉiuj E-amaskomunikiloj. La prezidanto de UEA klarigis kial UEA elektis kiel ĉi-jaran kongrestemon „Interkompreniĝo, Paco, Evoluo", pri la neceso akcepti la Zamenhofan „novan senton" – la lingvon ne nur de la lango. sed ankaú de la koro, ne nur de la korpo, sed ankaú de la animo"..„ke necesas ŝanĝi la pensmanieron de la homoj por krei veran pacon".

Ni, esperantistoj, jam praktikas tiun „novan senton", kapablantan forigi la miljarajn murojn inter la homoj, ke ili libere interkompreniĝu, kio estas „antaŭkondiĉo de vera paco". Ni esperantistaj ĵurnalistoj, akceptis kaj utiligas la pacrimedon de L.L.Zamenhof – Esperanton. Ni samtempe laboras aktive, inspiritaj de la „nova sento" de la aŭtoro de IL por la venko de la homa interkompreniĝo kaj de la tutmonda paco per nia lingvo kaj ĵurnalisma aktiveco.

**„Budapeŝta Informilo"** en sia 190-191-a n-ro publikigis artikolon de Antal Járó, kiu mencias la intervjuon de la ĵurnalisto G.Cselényi el la loka gazeto „Keletmagyarország" kun Milan Zvara: „...Laú mia opinio, la sorton de Esperanto fine determinos ne nur la lingvistoj, sed ankaŭ la politikistoj. Mi fidas, ke la homoj trovos solvon tiudirekte kaj geesperantistoj kaj la adeptoj de la paco kaj de internacia kunlaboro gajnos ankoraŭ pli kaj pli da apogantoj".

Vere tiel estas. Sed sen la energia, obstina kaj fruktodona ĉiutaga laboro de la tutmonda esperantistaro nek la lingvistoj, nek la politikistoj fine determinos la serton de Esperanto. En tiu obstina laboro oni konsideru ankaŭ la decidan rolon de la esperantistaj ĵurnalistoj, publicistoj kaj propagandistoj. Zamenhof mem diris: „L'espero, l' obstino kaj la pacienco – jen estas la signoj, per kies potenco ni paŝo post paŝo, post longa laboro atingos la celon en gloro"

**Esperantisto Slovaka** en sia 4a n-ro 1986, paĝo 5a, aperigas longan artikolon de Michael Parks „Ĉinoj lernas Esperanton", tradukitan el la kroatlingva revuo „Izbor". La aútoro priskribas la nunajn sukcesojn de Esperanto en Ĉinio. Li citas la opinion de Zhang, redaktoro de la periodaĵo „El Popola Cinio, kiu diris" „... ke jam multajn jarojn ekzistas antaŭ ĉio inter la landoj de la 3-a mondo, la bezono de internacia lingvo, kiu starigus sin kontraú lingva hegemonio kaj batalus por nacia sendependeco". „Malgraú tio, ke la anglan lingvon parolas granda nombro da homoj, tiu lingvo ne taúgas por servi kiel vera Internacia Lingvo, ĉar la landoj, en kiuj oni parolas angle, estas superregantaj, kaj la ceteraj estus koleraj" – konkludas Zhang.

La granda E-evento en Ĉinio – la 71-a UK de Esperanto – donis eblecon al centoj da esperantistoj el Ĉinio kaj el ĉiuj kontinentoj bone kaj kontente interkompreniĝi sen la angla.

Esperanta Finnlando. Ni ree turnas atenton al tiu organo de la finnlandaj gesamideanoj. Ĝi ne estas grandformata, la materialoj estas precipe en finna lingvo. Sed tiuj Esperantaj, kvankam malgrandaj pritraktas gravajn primovadajn problemojn, En n-ro 3 (1986) sur 13a paĝo, sentitole la subskribunto „tg" skribas: „Cetere mi opinias, ke estas malinde al nia movado malakordi pri la lokoj de jubileaj kongresoj. Ni ricevis cirkulerajn leterojn de Sennacieca Asocio Tutmonda kaj de Pola Esperanto-Asocio, polemikantaj inter si, kiu malebligas al SAT kongresi en Pollando en la Jubilea Jaro. Aldoniĝas Centro de Neŭtrala Esperanto-movado, kiu konferencos en Aŭstrio. Ĝi kredeble eĉ ne intencis okazigi sian jubilean kongreson en la naskiĝurbo de Esperanto".

La tutmonda esperantistaro legis la pravajn klarigojn de la polaj esperantistoj pri la rifuzo ebligi la kongreson de SAT en sia lando kaj ĉefurbo. Ne plaĉas al ili gastigi asociojn, eĉ de Centroj de „neŭtrala" E-movado, kiuj agadas kaj parolas kontraŭ la pola registaro. Organizoj, kiuj staras flanke de la tutmonda strebado al interpopola paco kaj senarmiĝo.

**Ivan ESPEROV**

---

*NIA INTERVJUO*

## „ESPERANTO- – JARCENTO UNUA" (Dokumenta filmo pri la 100-jara jubileo de Esperanto)

**Kun la pola reĝisoro-kunodokumentisto Roman Dobrzyński mi konatiĝis dum la 22-a Tutpola Esperanto-Kongreso en urbo Szczecin, en aŭgusto 1984. Elstara filmisto, ĵurnalisto kaj verkisto Roman Dobrzyński estas ankaŭ multjara esperantisto. Al la kamerao de R.Dobrzyński ni ŝuldas multajn interesajn dokumentaj filmojn pri latin amerikaj landoj, Portugalio, Hispanio. Lastatempe Pola Televido kelkfoje elsendis lian filmon pri la fama esperantista komunumo-lernejo „Bona Espero" en Brazilo, kiu ekzistas jam dekon da jaroj dank' al la iniciato kaj la financa subteno far gesamideanoj Giuseppe kaj Ursula Grattapaglia.**

**R.Dobrzyński estas ankaŭ aŭtoro de multaj interesaj libroj pri Latin-Ameriko.**

**Laŭ mia propono li konsentis esti reĝisoro de la filmo pri la 100-jara jubileo de „Esperanto, sub titolo „Esperanto-jarcento unua", Tio estas filmo, komisiita al ILEF, fare de UEA. Mi kaj Dobrzyński verkis la scenaron. Konsultato estas d-ro Ulrich Lins el FRG, konata historiisto de Esperanto.**

**La filmon subvencios kaj produktos la firmaoj „Interfilm" (Bulgario) kaj „Interpress-film" (Pollando). Ĝi devas esti preta en 1987 – antaŭ la jubilea kongreso en Varsovio. Ĉi-somere, mi profitis la okazon, kiam Roman Dobrzyński estis en Bulgario por filmi kelkajn momentojn por la filmo, kaj interparolis kun li.**

**– Kion fakte vi filmis ĝis nun, post la definitiva aprobo de nia scenaro?**

– Dum via restado en Varsovio vi ja vidis la scenojn el Brazilo kaj Kubo – momentojn el la ĉiutaga vivo en la bieno-lernejo ,,Bona Espero", kurson de Esperanto en la Klubejo de KEA en Havano. Ĉi-somere mi veturis al Hungario, kie mi filmis, la ekzamenojn pri Esperanto en la Budapeŝta Universitato kun ekzamenanto prof. Istvan Serdahelyi. Poste mi forveturis al FR Germanio – urbo Kolonjo, kie mi filmis la familion de d-ro Lins (lia edzino estas japanino). En julio mi partoprenis la 71-an UK en Pekino, kie mi sukcesis kapti la plej interesajn momentojn el la riĉega kongresa programo, la malnovan kaj la modernan Pekinon (palacojn, templojn, religiajn ceremoniojn, la bulvardojn kun miloj da biciklistoj, modernajn konstruaĵojn kaj multajn aliajn rimarkindaĵojn). Mi sukcesis intervjui prof. Humprey Tonkin, la novelektitan prezidanton de UEA.

**– Kaj kion vi filmis en Bulgario?**

– Ho, tiom multe kaj tiom da interesaj

objektoj ke se min **ne limigas la postulata** tempodaŭro de **45-minutoj (tiom, kiom la projekciado daŭros)** mi farus nur filmon pri **Bulgario** kaj pri la bulgara esperantista movado! . . .

Mi havis bonŝancon ĉeesti aranĝojn lige kun la festo de IEK en Pisanica,ĝui la belecon de Rodopi-montaro, la amikan internacian etoson.

En urbo Razgrad (en la nordorienta parto de lando) mi partoprenis interesan iniciaton de la esperantistoj el la distrikto; Internacian kvizon pri Bulgario kaj pri la bulgara Esperanto-movado lige kun la 100-jariĝo de Esperanto kaj la 80-jara jubileo de BEA, organizitan de la Distrikta Estraro de BEA kaj la Distrikta Filio de Bulgara Asocio pri Turismo kaj Ripozo. Mi filmis tre interesajn panoramojn de la urbo, ekspozicion de „ikebana*, preparitan de la loka esperantistino Tonja Stefanova, momentojn el la kvizo, emociajn scenojn dum prezentado de folkloraj dancoj kaj kantoj k.a.

Min tre surprizis kaj ĝojigis la aktiveco de la bulgara Esperanto-movado, la plena apogo, kiun ĝi ricevas fare de ĉiuj altaj ŝtataj kaj sociaj institucioj.

En Bulgario mi pasigis neforgeseblajn tagojn, gajnis multajn **novajn amikojn kaj** kolegojn.

Mi alte taksas la kunlaboron de la kolegoj el „Interfilm" en Sofio kaj kore dankas al ĉiuj, kiuj helpis mian laboron.

– **Kiel vi vidas vian pluan laboron lige kun la filmo?**

– Baldaŭ mi vizitos la Internacian E-Muzeon en Vieno, kie mi filmos diversajn dokumentojn, fotojn kaj aliajn arkivajn materialojn (laŭ nia scenaro), poste mi forveturos al Francio – mi intencas viziti eventuale Grésillon kaj Parizon. Eble mi havos la ŝancon intervjui la ĝeneralan direktoron de UNESKO s-ron A.M.M.'Bow, pri kio li donis sian konsenton.

Poste sekvos filmado en Pollando – Bialystok, Varsovio, kaj lokoj ligitaj kun la vivo de d-ro Zamenhof.

– **Vi, certe jam konstatis, ke la laboro por tia internacia kunproduktaĵo estas ligita kun multaj malfacilaĵoj. Sed ni estas optimistoj, ĉu ne?**

– Mi esperas fini la filmon en junio 1987 kaj sukcese prezenti ĝin dum la Jubilea Kongreso en Varsovio.

Mi kore dankas al vi persone pro via ĉiuflanka helpo de fakulo.

Intervjuis: **D.ĤITROV**

* **Ikebana** – japana maniero arte aranĝi florojn

## INTERNACIAJ ILEF-FOTOEKSPOZICIO KAJ -KONKURSO

La 9-an kaj 10-an de aŭgusto 1986 ILEF-Japanfilio havis ŝancon okazigi Internacian Fotoekspozicion kaj Fotokonkurson enkadre de la 73-a Kongreso de Japanaj Esperantistoj en Oosaka.

Ĉi tiuj du okazaĵoj estis neformalaj programeroj de la Kongreso kaj ili estis forte subtenitaj fare de la Kongresa Komitato, kiu multe helpis nin pri ĉio, kion ni petis. En la salono al ni estis disponigita konvena loko por okazigi tiujn du gravajn iniciatojn de la ILEF-Japanfilio.

Tie ni povis elmontri diversajn fotografaĵojn de agemaj fotoamatoroj-esperantistoj el Japanio kaj el malproksimaj landoj.Ili favore kunhelpis nin per siaj verkoj por sukcesigi la Internacian Fotoekspozicion. La fotoj estas belaj kaj ĉarmaj, tre interesaj, kun esprimvaloroj de ĉiu titolo.

Ni elmontris ankaŭ sep fotografaĵojn, kiuj rilatis al nia fotokonkurso, kiun ni intence planis okazigi por japanaj amatoroj. Sed ni sukcesis kolekti nur sep el tri landoj, nome el Svedio, Koreio kaj




*ILEF-kunsido dum la 73-a Kongreso de Japanaj Esperantistoj*

Japanio. Por doni premiojn ni decidis inviti juĝantojn el inter la kongresanoj.

Jen la rezultoj de la juĝantoj:

**Unua premio:** *„Scivolemo"* de f-ino Ĉe Junki (Koreio)
**Dua premio:** *„Standardo"* de s-ro Kida Ryohei (Japanio)
**Tria premio:** *„Esperantistaro"* de f-ino Mitu Hideko (Japanio)

En la ferma ceremonio de la Kongreso ni disdonis premiojn kaj diplomojn al la tri premiitoj.

Niaj du okazaĵoj havis grandan sukceson kaj kuraĝigas nin por la estonta aktivado.

**Kaoru ASAOKA,**
**estrarano de ILEF**

---

## ELSTARA PUBLICISTO KAJ ESPERANTISTO

Ivan Keremidĉiev-Esperov, aktiva batalanto kontraŭ la faŝismo, fervora E-aganto, ĵurnalisto, kiu dum pluraj jaroj aktive kunlaboris al la bulgara kaj Esperanta gazetaro, estiĝis 75-jara. Lian jubileon oni festis enkadre de solenaĵo organizita, la 3-an de septembro j.k. en la Sofia Esperanto-Domo de Kulturo „M.Gorkij", lige kun la 42-a datreveno de la Socialisma Revolucio en Bulgario. Post la raporto de la prezidanto de BEA Ĥr. Gorov pri partopreno de bulgaraj esperantistoj en la kontraŭfaŝisma batalo, sekvis rakonto pri la vivovojo de Ivan Keremidĉiev prezentita de lia kunaganto kaj bona amiko Nikola Aleksiev, honora prezidanto de MEM. En la malfacilaj por Bulgario jaroj de faŝismo Iv. Keremidĉiev, metante en danĝeron sian vivon, organizis kontraŭfaŝismajn kunvenojn fondis grupojn por batalo kontraŭ la tiama registaro. Vivante en kontraŭleĝeco, li sukcese utiligis la progreseman bulgaran gazeton por disvastigi siajn ideojn kaj por klarigi diversajn metodojn de batalo kontraŭ la faŝismo. Gravan rolon en lia vivo ludis la lernado de Esperanto. Multajn el siaj taskoj li plenumis kune kun aliaj esperantistoj. Dank' al lia sindona laboro en la malfacilaj jaroj 1934-1938 la E-movado estis sufiĉe vigla. Kiel redaktoro de la Esperantaj eldonaĵoj Ivan Keremidĉiev-Esperov multe kontribuis al ties organiza stabileco.

Dum la kunveno lin salutis Ĥristo Gorov – en la nomo de CE de BEA, d-rino Cveta Stamenova – en la nomo de UE de BEA, Bistra Dojĉinova – en la nomo de DE de BEA - Sofio, kaj multaj esperantistoj, liaj amikoj kaj parencoj.

Pro sia multjara senlaca laboro Ivan Keremidĉiev estas honorita per altaj ŝtataj distingoj kaj per la plej altaj distingoj de BEA.

La solenaĵo finiĝis per belarta programo, en kiu plej kortuŝa momento estis la persona saluto al Iv.Kremidĉiev fare de la kantistino Karamfilka Adamova, kiu en kanto simbole prezentis la riĉan vivon de la veterano.

Sanon kaj multajn fortojn en via plua Esperanta kaj porpaca agado, estimata s-ano Keremidĉiev!

**N. VALJAVIĈARSKA**
**El „Bulgara Esperantisto" 11/1986**




### PREMIITA MEMBRO DE TEĴA

„Estas agrable al la redakcianoj de „Internacia Ĵurnalisto" ekscii, ke nia konstanta kunlaborantino – la soveta ĵurnalistino kaj verkistino Naĉija Andrianova – ricevis premion por sia originala Esperanto-poemo, dediĉita al la sonoriloj de Hiroŝima. La premion aljuĝis ĵurio de literatura konkurso en la itala urbo Vittoria.

Pri tiu sukceso de la esperantistino-poetino publikigis specialan informon la organo de ukraina verkista asocio gaz. „Literatura Ukrainio" n-ro 36. Sub titolo „Laŭreato-esperantistino" la plej grava literatura organo en Ukrainio gratulas la poetinon kaj informas, ke ne por unua fojo ŝi gajnas internaciajn premiojn. La redakcio notas ilin kaj aldonas, ke la poetino daŭre tradukas en Esperanton verkojn de elstaraj ukrainaj poetoj – T.G.Ŝevĉenko, Lesja Ukrainka, Ivan Franko k.a."

Al la gratuloj de „Literatura Ukrainio" aldonas siajn sincerajn gratulojn ankaŭ la organo de TEĴA „Internacia Ĵurnalisto".

### TITANO DE LA PENSO KAJ LABORO
**Omaĝe al la 130-jariĝo post la naskiĝo de IVAN FRANKO (1836–1916)**

Ĉi-jare oni solene celebras la 130-jariĝon post la naskiĝo de unu el la plej elstaraj kulturagantoj en la monda kulturo de la fino de XIX-/ komenco de la XX-jarcentoj – Ivan Franko, – kaj la fineldonon de lia 50-voluma „Plena Verkaro". Por honorigi nian grandan Ŝtonhakiston la Ukraina Scienca Akademio kaj la Ukraina Komitato de la Internacia Asocio de Ukrainio ĉe Unesko en septembro ĉ.j. (11-15.IX.1986) aranĝis la internacian simpozion „IVAN FRANKO KAJ LA MONDA KULTURO", aprobitan de la XXIII sesio de la Ĝenerala Konferenco de Unesko, la sama, kiu aprobis la rezolucion favore al la tutmonda celebrado de la 100-jara jubileo de Esperanto. Laŭ la decido de UNESKO ĉi gloran datrevenon solenos la tuta mondo.



Ivan Franko, la fiero kaj gloro de nia popolo, vere estas tuta epoko en la evoluo de l' patruja kulturo, genia poeto, proz- kaj dramverkisto, eminenta sociaganto, sciencisto, etnografo, folkloristo, eldonisto, nesuperebla tradukisto-poligloto...

Inter pli ol ducent partoprenantoj en la simpozio estis esploristoj, literaturistoj el multaj urboj de Ukrainio, Rusio, Belorusio, Litovio kaj aliaj frataj respublikoj, eksterlandaj verkistoj, poetoj, tradukistoj, literaturesploristoj el la socialismaj landoj – Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Jugoslavio, Pollando, Rumanio, GDR, kaj ankaŭ el Aŭstrio Kanado, Norvegio, k.a., laŭreatoj de la Internacia literatura premio je la nomo de Ivan Franko...

N.ANDRIANOVA

### DEKADENTO
**/Responde al V.Ŝĉurat/**

*Mi – dekadento? Jen por mi novaĵo!*
*El mia viv' prenita nur moment',*
*kaj vort' – ofend' trovita por „omaĝo",*
*al mond' proklamis Vi: „Jen – dekadent'!"*

*En mia poezi' – ŝagren,' doloro*
*pro tio, ke malgaja mia viv',*
*Sed sonas krome tie kaj maĵoro:*
*Esper', libero – gaja ĉi motiv' .....*

*Mi – filo de l' popol', – ne dekadento!*
*Por la liber,' laboro sonas ,vok',*
*popolo supreniras sen lamento, –*
*mi – kamparan', prolog', – ne epilog'!..*

**EL LA POEMCIKLO „PRINTEMPAJ KANTOJ"**

**II**

*Jam tondras! Benata tempest' proksimiĝas,*
*Naturo al fest' primavera pretiĝas.*
*Soifas la ter' fruktodonan pluvegon*
*Kaj vent' super ĝi furiozas fortega,*
*kaj nub' malhela tuj ekombros –*
*Jam tondras!*

*Jam tondras! Kaŝita soif' en popoloj, –*
*Verŝajne, bonvena ĉi ond' – apud sojloj'''*
*Milionoj atendas ŝanĝiĝon feliĉan.*
*Ĉi nuboj – herold' de l' futuro pli riĉa, –*
*homaron ĝi, kiel printemp', ĝoje ombras...*
*Jam tondras!*

13 de majo 1881

El la ukraina lingvo:

**Nadia ANDRIANOVA**

*NI RECENZAS*

## IMPONA ANTOLOGIO

**Bulgara nuntempa poezio kaj prozo. Antologio. Kompilinto: Ĥristo Gorov. Antaŭparolo: Nikola Aleksiev. Eld.: Sofia-Pres. 1985. p. 230.**

Tiu ĉi antologio estas unu el la plej ampleksaj, kiuj aperis esperantlingve en Bulgario. Ĝi enhavas kvindek tri poetojn, dekunu prozverkistojn kun entute centdudek verkoj. La kompilinto Ĥristo Gorov, elstara Esperanta poeto kaj tradukisto, havis la noblan ambicion doni kiel eble la plej vastan panoramon de la bulgara literaturo.

La antologio konsistas el tri partoj. La unua „Revoluciaj poetoj pereintaj en la batalo por libereco" enhavas poemojn de Ĥristo Botev, Nikola Vapcarov, Cvetan Spasov, Atanas Manĉev kaj aliaj. En la duan parton „Bulgara nuntempa poezio" eniris poemoj de preskaŭ ĉiuj talentaj bulgaraj poetoj, reprezentantoj de nia nuntempa poezio – de Ĥristo Radevski kaj Mladen Isaev ĝis Kiril Borisov kaj Vanja Petkova. Apartan lokon okupas la poetoj el tiel nomata aprila generacio kiel Ljubomir Levĉev, Vladimir Baŝev, Damjan Damjanov kaj aliaj.

Ĥristo Gorov ne forgesis prezenti ankaŭ la plej belajn poemojn de preskaŭ ĉiuj bulgaraj poetinoj: Elisaveta Bagrjana, Dora Gabe, Blaga Dimitrova, Leda Mileva, Stanka Penĉeva kaj aliaj.

La tria parto „Nova bulgara prozo" enhavas rakontojn kaj fragmentojn el pli ampleksaj verkoj de Ljudmil Stojanov, Georgi Karaslavov, Emil Manov, Ivajlo Petrov, Veselin Andreev kaj aliaj.

La poemoj kaj rakontoj en la antologio respegulas aktualajn problemojn de nia nuntempa vivo – la amo al la patrujo, la konstruado de la socialismo, la batalo por paco, la amikeco inter la popoloj.

La verkoj estas tradukitaj el niaj elstaraj Esperantaj tradukistoj Asen Grigorov, Ĥristo Gorov, Venelin Mitev, Violin Oljanov, Kunĉo Vâlev, Canko Murgin, Ljuba Bojaĝieva, Lidia Raeva, Simeon Simeonov, Dimitâr Ĥaĝiev kaj aliaj.

**Georgi ILIEV**

## JUBILEO DE LUIS SERRANO PÉREZ

En la urbo Sabadell (Hispanio) envicîĝis inter sesdekjarulojn Luis Serrano Pérez, la konata aktivulo de Esperanto-movado.

Li naskiĝis la 19-an de aŭgusto 1926 en la hispana vilaĝo Osorno (Palencia), kie ankoraŭ vivas liaj patrino kaj parencaro. Ekde 1962-a jaro li loĝas en Sabadell. Pri Esperanto li ekinterasiĝis en la jaro 1952, poste li mem gvidis kursojn, redaktis la bultenon „Sabadell Esperantista," oferėme laboris en la urba E-klubo, kompiladis artikolojn kaj informojn por gazetoj kaj multe korespondadis. Nuntempe li fankcias kiel prezidanto de Hispana MEM-Sekcio kaj ankaŭ kiel peranto de „Heroldo de E-to" por Hispanio.

Luis estas modesta homo, masonisto-laboristo, iniciatema samideano kaj senlaca, oferema batalanto por la daŭra, justa paco. Krome li havas la enviindan avantaĝon: ankaŭ lia edzino Maria Ferigle Danti estas fervora, sperta esperantistino kaj konvinkita pacbatalantino. En februaro 1986 ili ambaŭ ĉeestis en Madrid la manifestacion kontraŭ NATO (hispane: OTAN). Ĝi estis giganta, impona protesto de preskaŭ 800000 personoj kontraŭ milito. Tiuokaze estis portita la afiŝo 3m x 1 m granda, kun la teksto „Esperanto-Movado por la PACO. NATO NE! Mondpaca E-Movado „Anton Balague".

Dum certa tempo Maria funkciis kiel Ė-parolistino en radio de Sabadell.

Luis kaj Maria havas tri infanojn: filinon Maria Angela kaj filojn Luis kaj Jose.

Kelkan tempon laboris Luis en eksterlando. Krom tio li vizitis Nederlandon laŭ la invito de sia iama leteramiko.

Lastatempe Luis ricevis plurajn invitojn al E-aranĝaĵoj, okazintaj en Ĉeĥoslovakio, Pollando kaj Sovietunio (Volgogrado), sed la invitoj restis neuzitaj liaflanke, pro financaj malfacilaĵoj. La kialo: Luis estas sen laboro jam dum kelkaj jaroj (kiel miloj da personoj en Hispanio) kaj tiaj elspezoj superas la eblecojn de tiu simpatia esperantista familio. Bedaŭrinde la problemo de senlaboreco tie jam longe turmentas homojn – plenkreskulojn same kiel junularon. Des pli meritas admiron la jubileanto Luis kaj lia senlaca aktivado por Esperanto kaj la tutmonda paco!

**Ján LAMAĈKA**

## LETERO EL SLOVAKIO

Al la Redakcio de „IĴ"

Estimata redakcio,

Dankon pro n-ro 2/1986 de „IĴ" kiun mi intertempe ricevis. Suprizis min la artikolo pri la ĵurnalista renkontiĝo, okazinta dum IFER'86 en Leipzig. IFER'86 partoprenis la 20-persona grupo el Slovakio, inter ili ankaŭ mi, sed pri tiu ĵurnalista kunveno mi sciis nenion. Alie mi certe estus ĝin ĉeestinta. Dum junio mi faris balkanan rondvojaĝon, jene: Trenĉín – Hungario – Jugoslavio – Grekio – Turkio – Bulgario – Jugoslavio – Hungario – Trenĉin, kaj tiuokaze mi intencis almenaŭ mallonge viziti Vin. Pri tio mi informis s-anon I.Keremidĉiev-Esperov komence de majo '86 per mia bildkarto el Leningrad.

La rondvojaĝo estis sukcesa, la programo riĉega, la vetero bonega. Mi multon vidis, spertis kaj travivis. La loĝantaro en la menciitaj landoj kondutis al ni plejparte senriproĉe, sed ne tiel la telefono en Sofia.

Bonvolu korekti en Via adresaro mian

adreson, jene: Ján Lamaĉka, Dibrova 8/1 911 01 Trenčín-Juh, Ĉeĥoslovakio.

Ekde la 1-a de januaro 1985 mi laboras kiel korespondanto de Radio Bratislava, ĈSSR, kun oficiala legitimilo.

Amike Vin salutas, multe da novaj sukcesoj sincere deziras.

Jan LAMAĈKA

**Rimarko de „IĴ":** Kompreneble, la redakcia telefono ne funkcias, se mi forestas de Sofio. Dankon pro la bondeziroj.

## FORPASIS TEO JUNG

La 12an de majo forpasis Teo Jung en Hago, Nederlando. Ll estis la dojeno de esperantistaj ĵurnalistoj, laborinte dum jardekoj kiel esperantista ĵurnalisto, prozisto, presisto kaj eldonisto.

Teo Jung naskiĝis en Meckenheim (Germanio) kaj pro malriĉeco devis rezigni pluan gimnazian studadon. Li eklernis Esperanton en 1909, poste fondis du grupojn kaj gvidis kursojn. En 1919 li kun aliaj restarigis Rejnlandan-Vestfalian Esperanto-Ligon kaj ekeldonis la monatan organon de la ligo „Progreso". Kun granda kuraĝo Jung elektis en 1920 Esperanton kiel profesion. La postan jaron sekvis fondo de semajna ĵurnalo „Esperanto triumfonta" – sendependa, neŭtrala informilo por la Esperanto-movado – eldonata kaj redaktata de Jung. En 1925 oni ŝanĝis ĝian titolon al „Heroldo de Esperanto". Tuj seukcesa, la gazeto helpis revigligi la enlandan kaj internacian Esperanto-movadon. Jung skribe batalis por kunlaboro, unue inter anoj de diversaj lingvoprojektoj, poste inter anoj de la Esperanto-movado kaj por unueca kaj plilarĝigita UEA. Dum pluraj jaroj la gazeto aperis semajne. Poste, en 1936, la redaktejo estis movita al Scheveningen (Nederlando),sed en 1940 devis ĉesigi sian laboron pro la nazia okupacio de Nederlando. De 1920 ĝis 1961 Jung produktis 1300 numerojn de la gazeto. Li verkis multnombrajn artikolojn, poemojn, skizojn kaj rakontojn ankaŭ en multaj aliaj Esperantaj gazetoj. Inter liaj verkoj estas „Lando de l' fantazio" (romano kun utopieca temo, 1927). „Sakuntala" (postrakonto, 1927), „Mil kaj unu noktoj" (postrakonto,1927), „Gudrun (parafrazo de la antikva germana eposo, 1928). „De Muheddin ĝis Mundilatin; Mondlingvaj projektoj tra la jarcentoj" (1937). En 1929 aperis la traduko de Jung kaj aliaj „En Okcidento" nenio nova" de Erich Maria Remarque. Jung verkis ankaŭ plurajn traktaĵojn pri konjugaciaj demandoj en Esperanto kaj kunaŭtoris lernilojn por germanlingvanoj.

Jung verkis sian monumentan biografion (398-paĝan) en Esperanto: „Ĉiu ĉiun" (1979). Li estis delegito de UEA en Scheveningen.

---

**Bibliografio de Esperanto kaj Interlingvistiko**

Kunlaboru al la pretigo de kiel eble plej kompleta bibliografio de Esperanto per la sendo de specimena ekzemplero de ĉiuj viaj eldonaĵoj: libroj, gazetoj, grup-informiloj, raportoj, kongresaĵoj, reklamiloj, ktp. Adreso: CDELI: Bibliografio de Esperanto, Biblioteko de la Urbo, Poŝtfako 5038, CH-2300 La Chaux-de-Fonds 5,Svislando.

Alvenis propono de pola samideano por organizi gazetaran observadon surbaze de E-fakliteraturo kaj E-gazetoj. Tio signifas, ke kunlaborantoj regule trarigardus kelkajn E-gazetojn, kaj pretigus liston de la ĉie aperintaj fakaj artikoloj donante la bibliografiajn datojn: sciencobranĉo, fako, nomo de la aŭtoro, titolo de la artikolo, indikoj pri apero, ktp. La kolektitajn laŭfakajn titolarojn estus bone aperigi ĉ. 2-3 foje jare. Ili povus esti tradukataj en kelkajn lingvojn — ankaŭ por tiu laboro estas bezonataj kelkaj kunlaborantoj. La diverslingvajn kolektojn ricevus unuavice bibliotekoj k.s., kaj tiĉ estus bona propagando por Esperanto kaj por laboro de esperantistoj.

Interesiĝuloj povas peti informojn pri tiu propono de: A.Warszawski, PL-85-060 Bydgoszcz, Sobieskiego 6 m 2, Pollando.

# Ricevitaj esperantaĵoj

— **Elektita verkaro** de Ĥristo Botev — eldonis Sofia-Pres, traduko en E-on de Ivan Dobrev kaj Ivan Sarafov, redaktis Ĥristo Gorov. Estas 11 paĝoj kun klarigaj notoj. La libreto 84-paĝa prezentas la plej bonajn poeziaĵojn kaj prozaĵojn de la fama revolucia poeto, kiu pereis antaŭ 110 jaroj sur la Balkanmontaro kiel gvidanto de ribela kontraŭturka taĉmento por la libero de sia patrolando el sub la turka kvinjarcenta jugo.

— **Rakontoj** de Jordan Jovkov.La rakontojn de la fama bulgara verkisto-humanisto, kiel lin determinas la aŭtoro de la antaŭparolo Ivan Sarandev, tradukis bulgaraj e-stoj. La bona eldono de Sofia-Pres, 248-paĝa, estas dediĉita al la Centjara jubileo de Esperanto kaj ĉiu bona e-tisto devas havi ĝin. Eldonita en 1986.

— **Mia porpaca agado** — de Nikola Aleksiev, elstara gvidanta bulgara esperantisto kaj kunredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto", fervora pacaganto. Kun intereso la e-istoj legas lian verkon, en kiu li rakontas pri sia abnegacia porpaca longjara laboro en MEM kaj ĝenerale. La verko estas 96-paĝa, eldono de BEA, presita en ĝia ofsetpresejo.

— **Pri via feriado en Bulgario** — 16-paĝa, grandformata kaj riĉe kolorilustrita broŝuro, luksa papero. Enhavas: notojn pri Bulgario je temoj geografiaj, historiaj, klimataj k.a. Per koncizaj tekstoj kaj notoj kaj koloraj bildoj estas montritaj la plej gravaj maraj, montaraj kaj aliaj bulgaraj ripozejoj, feriejoj, resanigejoj, historiaj monumentoj kaj aliaj turismaj vidindaĵoj, mineralakvaj fontoj, monaĥejoj. Per tiu interesa Esperanta broŝuro Balkanturist, Bulgara Asocio pri Turismo kaj Feriado (Sofio, pl. „Lenin") invitas la eksterlandajn esperantistojn ripozi kaj kuraci sin en Bulgario. Eldono de Centro pri Turisma Reklamo.

— **Miĥail Gorbaĉov.** La 124-paĝa libro entenas la Politikan Raporton de CK de KPSU al la 27-a Kongreso de KPSU, la Konkludan parolon de Gorbaĉov kaj la Rezolucion de la 27-a Kongreso de KPSU pri la politika Raporto de CK. Eldonis Presagentejo Novosti, Moskvo, 1986. Tradukis kaj redaktis la tekstojn elstaraj sovetiaj e-stoj. Prezo 35 kopekoj.

— **Respondoj de Miĥ. Gorbaĉov al demandoj de ĵurnalo „L'Humanité"** — 24 paĝoj, eldono de Presagentejo Novosti, Moskvo, 1986.